# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 14/02/2014 Cent kvindekdua Eldono 15/02/2014** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer** rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



SENDATA AL 273 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la Retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

08/02/14 elsendita Altnivela parolado akcelas nian lingvon



La lingva kaj socia situacio en Eŭropo kaj la mondo dum la epoko de la kreiĝo de Esperanto estis alia ol hodiaŭ: Tiam la ideo pri internacia planlingvo kiel helplingvo korespondis al la bezonoj de homa komunikado. Tiam lingvo estis bezonata por priskribi multajn aferojn kiuj hodiaŭ estas priskribitaj per bildoj, simboloj, desegnoj. Kaj tio ĝuste tuŝas la aplikon de la lingvo kiel helplingvo.

Se oni povas vidi bildon de iu objekto en ĉiuj detaloj, se tia bildo estas disponebla post sekundoj en ajna mondoparto, tiam restas por la lingvo ne plu multe por klarigi la kuntekston. Por tio ne necesas tre alta nivelo de regado de lingvo kaj tial la demando pri facileco aŭ malfacileco de certa lingvo por tio apenaŭ havas signifon, precipe se oni tiucele komparas du lingvojn kiuj estas sufiĉe similaj unu al la alia, nome la angla kaj Esperanto.

La avantaĝo de Esperanto kompare al la angla ne troviĝas en la baza aplikado de la lingvo, sed en altnivela aplikado, nome en altnivela parolado de la lingvo. Kio ne eblas ĉe la angla lingvo, nome unueca laŭfonetika parolado, tio ja eblas en

Esperanto: Por Esperanto ekzistas normoj por la prononcado, dum por la angla tio mankas. Tio ja ne signifas ke ĉiu kiu lernas Esperanton kapablas plene paroli laŭ tiuj normoj, sed E-parolanto havas almenaŭ klaran orientiĝon pri bona kaj bela parolado de Esperanto.

Kaj ja estas grava diferenco al la angla: Dum ĉe la angla oni vane postkuras la lingvouzon por trovi por si mem la plej taŭgan, en la kazo de Esperanto aŭskultado de bona parolado kaj parolekzercoj kondukas al pli bona parolkapablo kaj sekve al pli granda memkonscio kaj kuraĝo pri la parolado de la lingvo. En Esperanto oni povas akiri suverenecon, en la angla tio nur eblas por denaskaj parolantoj de la lingvo.

Por antaŭenigi Esperanton, por vivteni ĝin necesas praktiki ĝin. La minimumo kiun ĉiu facile povas fari estas laŭtlegado. Tio plej bone funkcias se aliaj aŭskultas tion. Bona loko por tio estas la E-kluboj. La laŭtlegado de teksto povus esti fiksa elemento de ĉiu klubkunveno. Kaj trovi tekston tiucele estas tre facile.

La Esperanta Retradio ofertas centojn da tekstoj kiuj estas legeblaj kaj aŭdeblaj. Dum klubkunveno oni povas ne nur aŭskulti kaj laŭtlegi ilin, sed oni povas ankaŭ preni ilin kiel bazon por diskutoj. Klubkunveno tiel povas esti vigla kaj interesa. Kaj tiaj klubkunvenoj altiros homojn kun intereso pri la lingvo.

La lingvo povas nur kreski per altnivela aplikado. Fejsbuk-nivela aplikado aliflanke altiras pli da homoj, sed tio apenaŭ akcelas la lingvon. Ni devas konscii ke agado kiu celas altan kvaliton de lingvouzo ne altiras homamasojn, sed ke nia ŝanco estas la konvinka forto de kvalito.. Ctrl+alklaku la ligon, kaj aŭskultu

# Esperanto TV

La tutmonda kolekto de televidaj kanaloj parole aŭ subtekste en Esperanto. Ĝuu interretan televidon en la internacia lingvo!

· esperanto-tv.com https://twitter.com/esperanto_tv

http://en.wikinews.org/wiki/First_television_channel_in_Esperanto_launches_online

**Internacia Televido** (aŭ ITV) estis interreta televidkanalo en Esperanto. La projekto estis iniciata en 2003 de Ĝangalo E-Portalo. En februaro kaj marto 2004 Flavio Rebelo, ĉefredaktoro de la retportalo Ĝangalo, prelegvojaĝis en Eŭropo por promocii la projekton inter la eŭropaj esperantistoj. La kanalo celis montri diversajn programojn esperantlingvajn kiel kinofilmojn, dokumentariojn kaj Esperanto-

kursojn.
Oni ne sukcesis kolekti la planitan startan kapitalon (35.000 eŭrojn), sed nur 23.000 eŭrojn. Tamen la iniciatintoj ne nuligis la tutan projekton, sed ekfunkciigis ĝin kun ŝanĝita, iom simpligita formo.
La 31-an de julio 2005, ITV komencis elsendi test-signalon kun informo pri la nova servo. La 5-an de novembro 2005, ITV ekis. Pro financaj malfacilaĵoj, la ITV ĉesis en 2006.

## Postludo {redakti fonton}

Danke al apero de YouTube, iu ajn povas alŝuti programerojn eĉ en la lingvo Esperanto. Tio do okazas, sed sen iu ajn organizado kaj en diversa nivelo.

# Ankoraŭ pri la kongreso









Dum la Somerkursaro ni havis okazon aŭskulti interesajn prelegojn pri plej diversaj temoj. Terry Manley faris multajn esplorojn por kunmeti historion pri du "nekonataj" esperantistoj el la pioniraj tempoj de la movado. Indrani uzis siajn profesiajn sciojn por klarigi al ni la funkciadon de la okuloj. Gabor Markus parolis interalie pri la vivo en Hungario post la "falo de la muro".
Kun saluto,
Katja Steele



# Koran Saluton el Brazilo!



En la ĵus pasinta Januaro la teamo de la Esperanto-Fako de Legio de Bona Volo (LBV) partoprenis en la 49-a Brazila Kongreso de Esperanto okazinta en la urbo Florianopolo, situanta en la suda regiono de Brazilo. Plezure ni invitas Vin legi raporton pri la okazaĵo. Ĝi estas legebla ĉe <http://www.boavontade.com/eo/esperanto/lbv-partoprenas-en-evento-de-la-e-movado-en-florianopolo>

s-ino Maria Aparecida da Silva



Bonvolu presi miajn kondolencojn al Marcel, pro la forpaso de lia kara Alida.

Vera Payne



---

AE 151 havas ankaŭ interesan artikolon fare de vjetnama belulino. Vera Payne

# 8-minuta elsendo pri Esperanto:Angla kun parteto en Esperanto

http://www.youtube.com/watch?v=FuWhpMYZBNk




En 1987 mi loĝis en Londono kaj surbendigis tiun elsendon. Bonvolu esti tolerema pri la kvalito. Ja temas pri bendo pli ol 25 jaraĝa kaj krome mi nun simple filmis mian televidekranon. Tamen laŭ mi valoras re-rigardi tiun malnovan elsendon kun la opinio de Patrick Moore pri Esperanto.
Amike, Nicole

# Yoram Gross kaj Blinky Bill




Karaj,
La 13an de Februaro mi renkontis la faman filmreĝisoron Yoram Gross, lian edzinon kaj lian sekretariinon. Ni diskutis la eblecon traduki libretojn pri Blinky Bill al Esperanto. Yoram estas simpatianto de Esperanto kaj eĉ diris kelkajn vortojn en Esperanto dum filmprezento en Novjorko pasintan monaton. Kaj mi surhavas la T-ĉemizon kiun mi gajnis en la Esperanto-kvizo de edukado.net
Amike, Nicole

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La 6/2/14 kunveno ne okazis. La venonta kunveno okazos 20/2/2014



## Neceseja papero (ekiĝis 1899) Nur 115 jara

El Vikipedio, la libera enciklopedio

Neceseja papero (aŭ **klozetpapero**) servas por purigado de anuso



*Klaku la bildon por vidi la historion en Vikipedio*





Verŝajne la unuan necesejan paperon fabrikis en la jaro 1857 firmao *Gayety* el New Jersey en Usono. Ĝi portis nomon "Kuracema papero" kaj ĝi estis vere absorbigita per ia kuracema ingredienco. Oni vendis ĝin en pakumoj po kvindek pecoj. En Granda Britio fabrikis firmao *British Perforated Paper Company* ĉirkaŭ la jaro 1880 bobenojn de papero, origine destinitaj por razistoj por purigado de raziloj. Spite al la nomo de firmao ne temis pri papero truigita, sed oni forŝiris unuopajn pecojn laŭbezone. Neceseja papero en bobenoj aperis ankaŭ en Usono. En la 90-aj jaroj de la 19-a jarcento angla firmao *Jeyes* fabrikis platajn pakumetojn de faldita papero. Fratoj Scott-oj el Usono enkondukis en merkaton la unuan bobenon de marka neceseja papero en la jaro 1899.



Trovis Roger Springer (Dankema !)



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenis Sabaton la 15an de Feb. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo



## Esperanto-Domo Sidnejo

Anoj kunvenos Dimanĉon la 16an de Februaro, 12tm

Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

## La Universitato de Viktorio, BC bonvenigas NASK 2014

Trovu pli da informoj ĉe http://nask.esperantic.org

# Belka Beleva, bulgara aktorino

de Nicole



Dum la kongreso en Kanbero, pasintan monaton, ni havis la plezuron aŭskulti prelegon de Maria Staykova pri Belka Beleva. Belka estis la onklino de Maria kaj Maria kun multe da emocio parolis pri sia kara onklino. Sur la dekstra foto ni vidas Maria kiu montras al la kongresanoj belan silkan robon kiu apartenis al Belka.

Belka Beleva naskiĝis en 1927 kaj fariĝis profesia aktorino. En 1966 ŝi iĝis prelegistino ĉe la Art-Akademio kaj trejnis estontajn aktorojn kaj ankaŭ instruis publikan paroladon.

Ŝi lernis Esperanton en 1957 kaj kun la edzo ŝi fondis Bulgaran Esperanto-Teatron en 1958. Bulgara Esperanto-Teatro prezentis teatraĵojn ĉe 14 Universalaj Kongresoj (inter 1959 kaj 1996) kaj ankaŭ en aliaj kongresoj. La kvalito de la teatraĵoj estis ĉiam multe admirata. Ofte temis pri tradukoj, sed ankaŭ estis originalaj teatraĵoj verkitaj en Esperanto, ekzemple Triptiko de Georgio Silfer.

En 1986 Belka Beleva publikigis en Esperanto la libron "Teatro sen lingva bariero – Travivitaj rememoroj". Wera Blanke en recenzo pri tiu libro skribas: "Belka Beleva, la plej konata, plej sperta, plej fidela aktorino de la Esperanto-teatro, retro-rigardas al la unua kvaronjarcento de sia kultura agado per kaj por la internacia lingvo. Ŝi kaj ŝia edzo, Anani Anev ja estas la dojenoj de la Esperanto-scenejo."



En 1996 Belka estis elektita kiel Honora Membro de UEA. Ŝi mortis en 2012.

Maldekstre: Foto de Belka, kiun Maria mem faris en 2005. Maria skribis, ke Belka speciale ŝatis tiun foton kaj diris, ke tiel ŝi deziras, ke oni memoru pri ŝi.

Kaj tie Belka parolas en 1999 http://www.youtube.com/watch?v=L51TEGfMOho



Jen parto de teatraĵo de 1987 kun Belka
http://www.youtube.com/watch?v=C6mX1kXgD2M
Temas pri mallonga verko denuncanta la absurdecon de milito per tre naivaj kaj simplaj roluloj.

Belka en la teatraĵo ***Pikniko sur la batalkampo***